# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 02/03/2017 Tricentdekuna eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **750,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## GRAMATIKA EKZERCO. 10.



(daŭrigo)

**Jen estas pli da tiaj simplaj frazoj, sed nun kun indika vorteto:**

1). Jen (= ADJEKTO) retrovenas (= PREDIKATO) mia amatino (= SUBJEKTO) el de sia avino (= ADJ.).
2). La hundo (=SUBJ.) forĉasis (= PREDIKATO) tiun katon (= OBJEKTO) el nia ĝardeno (= ADJEKTO).
3). Bonŝance (= ADJEKTO) niaj amikoj (= SUBJEKTO) alportis (= PRED.) ĉiujn gefilojn siajn (= OBJ.).
4). Neniujn fiŝojn (= OBJEKTO) povis (= PRED.1) ni (= SUBJEKTO) kapti (= PRED.2) tie ĉi (ADJ.).

**Jen kun numeraloj:**

5). Du horojn poste (= ADJ.), je la kvara (horo) (= ADJ.) retrovenis (= PRED.) ambaŭ filoj (= SUBJ.).

**Jen multobligitaj kernoj:**

6). La patro kaj la filo (= SUBJEKTO) kantis kaj muzikumis (= PRED.) en stratoj aŭ kafeoj (= ADJ.).

**Jen kun adjektivoj kaj adverboj:**

7). Niaj junaj gefiloj (= SUBJ.) tre ofte (= ADJ.) dum longaj horoj (= ADJ.) ludas(= PREDIKATO) kun najbaraj infanoj preskaŭ samaĝaj (= ADJEKTO).
8). Kvindek-kvar librojn miajn (= OBJEKTO) oni (= SUBJEKTO) detruis (= PREDIKATO) ne en la milito (= ADJEKTO) sed en Sidnejo (= ADJEKTO).

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



## La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 4a de Marto estos la unua Sabato. Venu. *Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon Roger Springer*

# La 25-an de Februaro Leigh Dick-Read celebris sian 75-an naskiĝtagon.




Sudaŭstralia esperantisto Leigh Dick-Read festis sian 75-an naskiĝtagon la 25-an de Februaro. Inter la celebrantoj estis ankaŭ geesperantistoj Indrani, Bob, Michael, Sandor, Katja kaj Trevor. Ilia donaco al la amiko estis du kantoj - kompreneble en Esperanto. Leigh (en la mezo de la bildo) konatiĝis kun Esperanto antaŭ jardekoj kaj nun li relernas ĝin. *Informis Katja Steele*



Katja Bob, Indrani Leigh Sandor, Trevor, Michael

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE



"Al la gratuloj kaj bondeziroj de Katja kaj Franciska permesu min aldoni ankaŭ la miajn al tiu junulo, Svetislav Kanaĉki. (Sinkrone, la 16-a de februaro estas la naskiĝtago de mia dua filino, Cathy.) Al Svetislav kaj Zora, sanon kaj feliĉon dum multaj pliaj jaroj 🎂. *Vera Payne*

★★★★



Mi tre ŝatis la artikolojn de Marcel pri familianoj, vivspertoj kaj sia ĝardeno. (Mi devas konfesi ke mi ne ĉiam legas la gramatikajn artikolojn!) Pri la ĝardena artikolo estis interese, ke li havas tiom da koloroj de kalistemaj floroj sed ne flava. Mia edzino ĵus revenis de loka plantkreskigejo kun kelkaj "montaj" kalistemoj *Callistemon pityoides.* Tiu havas flavajn florojn. Ŝi verŝajne plantos tiujn apud la rivereto en la publika ĝardeno, kiun ŝi prizorgas. *Terry Manley*

★★★★



Pardonon, sed mi ekrigardas al la ilustraĵo Korpo-partoj en la informaj paĝoj kaj rimarkas nekonatan vorton "skulo". Mi kredas, ke la kutima vorto estas "kranio".
Mi vidas ankaŭ misliterumon "umbiliki" = "umbiliko". *Cindy McKee*



Mi tute ne komprenas kiam aŭ kiel ŝanĝiĝis la du vortoj en tiu foto. La du mispresitaj vortoj devus esti "okulo" kaj "umbiliko". Mi rekopiis la originalan bildon el "Poŝamiko" kaj anstataŭigos la erarajn bildojn en la eraraj 'Sloŝiloj' laŭ mia kapablo. *Roger Springer*



# El Brizbano





Kara Roger , karaj samideanoj ĉie, salutojn el Brizbano / Kvinslando. Mi esperas ke vi fartas tre bone kaj estas okupataj en Esperantaj aferoj.
Bildo montras min kun ĉampiona orkideo, VANDA " Royal Burgundy ".
Amike *Petro Danzer*

# La Brizbana Esperanto-Societo



NUN KUNVENAS LA KVARAN SABATON DE 1330 -- 1600. Ni ne konvenas por la Kafo-klubo poste ĉar la kunvenĉambro havas kuirejon.





Petro Danzer

Bonvolu vidi la fotojn de la lastaj kunvenoj.
Tre amike, *Petro Danzer*

# Misuzo de Vortoj.



Politikaj partioj kaj politikistoj eĉ pli misinformas ol komercaj reklamoj per misuzo de vortoj.

Unu tiaj vortoj estas socialismo, kaj socialistoj. Socialismo ne estas marksismo kaj ne estas kontraŭ kapitalismo. Ĝi neke egalas al la doktrino de partipolitika komunismo kiel la bolŝevismo. Ĉi lastaj, kaj la nunaj komunistaj partioj tra la mondo reklamas pri socialismo kvazaŭ ĝi estus parto de ilia idealo. Politikaj konservativuloj nigrigas socialismon kvazaŭ ĝi estus kontraŭkapitalisma, sed ĝi ne estas. Ĝi estas politika doktrino kiu celas fari la kapitalismajn regojn pli mildaj por la laborista klaso. Kapitalismo ja estas socio bazita sur sociaj klasoj. Socialismo akceptas kapitalisman klasosocion, kaj ne celas forigi tiun kapitalismon, sed nur demokrate, t.e. per parlamentoj, zorgi ke la reganta tre malgranda klaso ne povu tro malriĉigi la grandan klason de laboristoj. Bona ekzemplo estas la socialisma kapitalismo de Norvegujo. Teorie ĉiuj t.n. Socialdemokrataj partioj kaj Laborpartioj celas tion, sed kiam ili estas la ŝtataj registaroj ili ofte forgesas tion kaj cedas al la financa kaj psiĥologia potencoj de la kapitalistoj, ĉar estas malfacila bridi tiun potencon. Pro tio la socialismo fariĝas batalo ne kontraŭ kapitalismo sed kontraŭ parto de la kapitalistoj. Ĉi lastaj ofte volas aŭ ekonomie devas plimalriĉigi la amason, kaj ili kutime sukcesas, timigante nin pri la “terura socialismo”.

Socialismo neniel egalas al la marksismo, kvankam la socialdemokrataj partioj uzas la Marx'ajn teoriojn por klarigi al si la evoluon de la kapitalismo.

La veraj kontraŭuloj de la kapitalismo, do tiuj kiuj celas renversi ĝin, estas la malgrandaj movadoj kiuj baziĝas sur la marksismaj teorioj de Luxemburg kaj Liebknecht, la t.n. Spartacus-movado de antaŭ la dua mondmilito. Ili opinias ke egalrajta kaj egalriĉa socio eblas nur, se la amasoj organizas sin en laboristajn kaj lokajn konsilantarojn formantajn sin en rekta regado sen politikaj partioj. Nek socialismo nek sociaj klasoj estas parto de tio. *Marcel Leereveld.*

★★★★




P.S.: **Dua kvizo:**

Laŭ Zamenhof ĉiuj radikoj jam enhavas la signifon de la kategorioj; do ili, sen la kategoria finaĵo, jam estas AŬ substantivo AŬ adjektivo AŬ verbo AŬ adverbo.



**Demando 1**: Kial do oni ĉe samelementaj vortoj (domo; bela; dormi; baldaŭ) ne povas forlasi la kategorian finaĵon (o, a, i, e)? Ekz. "La grand dom en la ŝatat park cert merit vizitat de turist"?



**Demando 2**: Donu kelkajn ekzemplojn de vortoj en Esperanto kiuj tamen uzatas sen la kategoria finaĵo. Respondu en la proksima A.E.
*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Infanrimaĵoj nun ankaŭ en Esperanto

Karaj,



La retejo de Mama Lisa havas infankantojn kaj infanrimaĵojn en ege multaj lingvoj, sed ĝis antaŭ nelonge ne estis io en Esperanto. Tamen mi kontaktis Mama Lisa kaj nun vi trovos jam du rimaĵojn en Esperanto. Unu estas tre malnova traduko de Baa baa black sheep kaj la alia estas originale verkita en Esperanto de la nederlanda Esperantisto Leen Deij. Klaku iom sube sur la paĝo kaj vi povos aŭskulti tiujn 2 rimaĵojn belege laŭtlegatajn de jOmO.

Mama Lisa's World

http://www.mamalisa.com/?t=es&p=5189

Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# la KER-ekzamenoj

Mi ricevis la suban mesaĝon de Katalin Kovacs. Se vi interesiĝas fari KER ekzamenon bv kontakti min ĉe: erikino.48@gmail.com.

*Heather Heldzingen*

★★★

Saluton, karaj,

Mi skribas al vi, ĉar mi pensas ke la 9-jara historio de la KER-ekzamenoj simple devus tiel influi la foran Aŭstralion, ke nun jam ankaŭ tie ekĝermu io.

Mi opinias ke vi povus helpi.

Mi ŝatus demandi, ĉu vi estas interesataj organizi aŭ/kaj trapasi KER-ekzamenojn?

La 10an de Junio (eventuale la 17an ) estos Tutmonda Ekzamentago, kaj eblos okazigi sesiojn en ajna loko de la mondo, se estas minimume 5 kandidatoj. Eblas havi nur skriban sesion, sed ankaŭ kompleksan kun parolaj partoj.

Neniam estis sesio ĝis nun en Aŭstralio. Estas nur 5 diplomitoj el 1851 personoj tutmonde. . Bv. vidi la statistikaĵojn:
http://edukado.net/ekzamenoj/ker/statistiko

Se vi interesiĝas pri okazigo de ekzamenoj, mi volonte kunlaboros, helpos.
Jen unue bv legi la koncernan anoncon http://edukado.net/novajhoj?id=685
amike, *Katalin Kovats 24/02/2017*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Informo pri la 2017Jarkunveno

La Jarkunveno de MEA, okazos la 20an de Marto, 2017, je 7 ptm ĉe Ross House, 247 Flinders Lane, Melburno

Membroj povas antaŭ la kunvena dato informi nin pri proponoj por la kunveno kaj por ricevi pliajn informojn, kontaktante la kasistinon *Heather Heldzingen* erikino.48@gmail.com
Ni provizos trinkaĵojn kaj manĝaĵetojn antaŭ la kunveno je 6.30 ptm. *Informis Heather Heldzingen*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# KIAL ESPERANTISTOJ FESTU LA INTERNACIAN TAGON DE LA GEPATRA LINGVO?

La 21-an de Februaro 1952 la polico pafmortigis en la universitato de Dako, ĉefurbo de la hodiaŭa Bangladeŝo (Bengalujo) plurajn manifestaciantajn studentojn. Tiuj studentoj manifestaciis por ke oni agnosku la ekziston de ilia gepatra lingvo, la bengala (bangla / bn / বাংলা ভাষা), kiun oni volis forigi de la universitato favore al lingvo "pli granda", parolata de la fortuloj de tiu momento.




Temas pri io, kio ripetiĝas, en diversaj formoj, daŭre tra la tuta mondo kaj tra la tuta historio. Ne nur en Bengalujo, sed ankau en pluraj europaj landoj, kiel ekzemple en Nederlando, kie la registaro en 2015 aprobis planojn por laŭgrada fortigo de la pozicio de la angla lingvo en la instruado - malfavore al la lokaj gepatraj lingvoj.

Tiuj ne estis unikaj okazaĵoj. Kaj en Bengalujo kaj en Nederlando temas pri la sama logiko: "mi estas la fortulo, vi silentu kaj eventuale, se vi volas paroli, vi parolu mian lingvon". Aliflanke kiel lingvistoj diras al ni: "Kiam lingvo mortas, ni perdas grandan intelektan riĉecon, kvazaŭ oni faligus bombon sur la muzeon Louvre" (citaĵo de Ken Hale, USA).

Kiel rilatas al ĉio ĉi Esperanto? La du aferoj ja rilatas inter si, ĉar la kernaj valoroj de ĉi tiu tago, la multlingveco kaj la rajto

de ĉiu homo paroli sian gepatran lingvon, estas ankau la valoroj kiujn la movado por Esperanto defendas. Ni, la esperantistoj, volas neniun lingvon malaperigi, ni volas, ke ĉiuj lingvoj plu ekzistu, en respekto de ĉies lingvaj rajtoj, kaj regu lingva justeco. Ĉi-cele de multaj jaroj Universala Esperanto-Asocio (UEA) solene kunfestas ĉi tiun tagon, interalie por substreki ke Esperanto ne estas eliminanto de lingvoj, kiel estas uzataj la lingvoj de grandaj ekonomiaj kaj militistaj potencoj.

UEA invitas ĉiun esperantiston konatiĝi kun la tuta teksto pri la Internacia Tago de la Gepatra Lingvo tie: http://www.linguistic-rights.org/21-02-2017/eo.html. Prifestu la tagon, diskonigu la afiŝon kaj la tradukon de la teksto al la gazetaro de via regiono, kaj al viaj Esperantaj kaj ne-Esperantaj amikoj, ekz. per sociaj retoj.

Informa Fako de UEA.

Renato Corsetti, Emilio Cid, Vasil Kadifeli, Stefano Keller, Zsófia Kóródy kun teamanoj

Afiŝoj: © Peter Oliver/UEA kaj tradukintoj el diversaj landoj.

www.linguistic-rights.org/21-02-2017

★★★

# NOVA PAĜARO POR LA ZAMENHOF-JARO

Per la Konkurso por paĝaro pri Zamenhof uea.org/gk/654a1 UEA havos novan plurlingvan paĝaron. La realigo de la paĝaro estos de Guillem Sevilla, magistro pri tipografio, profesia reteja dezajnisto kaj enpaĝigisto el Barcelono.

### La strukturo de la retejo konsistus el 8 ĉefaj paĝoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Hejma paĝo | Verkaro | Filmetoj | Idearo |
| Vivo de Zamenhof | Fotoj | Citaĵoj | Kontakto/Kolofono |

Teknike ĝi ebligos tradukon al pli ol 50 lingvoj, kaj depende de volontulaj tradukantoj, ni intencas prezenti la vivon kaj verkon de Zamenhof al plej multaj popoloj.

Ni bonvenigas konsilojn, sugestojn, historiajn faktojn kaj fotojn, traduk-proponojn al <zamenhofjaro100@gmail.com> aŭ en la oficiala forumo de UEA http://forumo.esperanto.net/index.php?board=30.0.

La retejo estos preta en la komenco de Marto, kaj la tradukado komenciĝos tuj poste.

Ni profitas la okazon por rememorigi vin, ke ni bezonos la helpon de ĉiuj por disvastigi la retejon kaj kontakti la gazetojn. Bonvolu legi ankau nian Alvokon por labori por la Gazetara Kampanjo Zamenhofjaro uea.org/gk/668a1. *Katja sendis tiujn duajn artkolojn al AE*

# REAGO AL VOKO DE LA ESTRARO DE A.E.A.



La Estraro de A.E.A. serĉas iun por verki la historion de la Esperanto-movado en Aŭstralio el de la naŭdekaj jaroj ĝis nun, kaj eble poste. Mi oferas min por tio, ĉar mi bone memoras la AEA-jarojn antaŭ 2007, estinte aŭ prezidanto aŭ vicprezidanto dum pluraj tiaj jaroj kaj organizis la somerkursarojn, la lastan en Hobarto eĉ tute sola. Por la ok jaroj post tio mi bezonos la helpon de unu aŭ du membroj, ĉar post la splitiĝo en 2007 mi malmulte scias pri la aktivecoj en la Igor-kampo. La plej bona helpanto estos Jennifer Bishop, kiu en tiu kampo estis tre

aktiva pro sia daŭra konsilado. Mi speciale devos informiĝi pri la decidoj faritaj dum la kongresoj post 2007 kaj pri la financoj, do pri la bilancoj de la tiamaj kasistoj. Ĉar AEA certe ne deziros kaŝi la fulmajn kverelojn el 2005 ĝis 2014 mi devos zorge resti senpartieca en mia historia priskribo kaj ne mencii membrajn agojn kiujn ili poste bedaŭris. Tre utila estos ankaŭ la helpo de Hazel Green kaj de Terry Manley. Tre valora estos la eventuala helpo de Heather Heldzingen. *Marcel Leereveld*

# Mallonga Historio de ĉi tiu novaĵletero



Dum la Kongreso en Hobarto okazis malamikaj plendoj kontraŭ la agoj de la tiama AEA **Estis malkontento** pri la agoj de AEA, eksigo aŭ rezigno de membroj, onidiroj pri la uzo de AEA mono kaj malakcepto de la estraro de multaj kritikoj de Esperantistoj

Mi ne ŝatis la proponojn de la AEAaj eksigitaj Esperantistoj ke ili **kreos novan landan Esperantan Asocion**, ĉar multaj bonaj mortintaj **Esperantistoj heredis monon** al AEA
Mi kredis ke la plej grava problemo estis **manko da informo** kaj la onidiroj ne helpis.

Ĉar mia memoro de nomoj neniam estis bona, mi dum jaroj kolektis listojn de la nomoj de Esperantistoj kaj poste metis ilin en mian komputilon. Do mi havis multajn retadresojn de Aŭstraliaj Esperantistoj.

Mi donis kopion de tiu listo al AEA, esperante ke ili uzos ĝin por solvi la malkontentajn problemojn per informado. AEA ne uzis la nomojn kiujn mi donis al ili. Do mi mem uzis la liston.
La Novaĵletero ekiĝis

Unue La celo estas informilo por ĉiuj Esperantistoj tra Aŭstralio
Due Uzi ĉiujn leterojn kaj per tio montri diversajn flankojn de proponoj, kontraŭaĵoj
Trie Enmeti ligojn al la reto pri Esperantaj faktoj, novaĵoj kaj Esp.muziko.
Kvare Uzi bildojn, fotojn, kiam mi povis, por ke la legantoj ne estu nekonataj ĉe kunvenoj
Kvine Mi esperis ke homoj kaj kluboj informos pri siaj Esperantaj agoj, deziroj, esperoj, ktp.
Sese Devas elsendi la novaĵleterojn ĉiusemajne.
Sepe Mi ne celis anstataŭi la bonajn gazetojn kiujn oni produktas en Aŭstralio

La plejparto de la kluboj ne informas pri siaj agoj. Mi ne komprenas kial ĉar informado vidigas la klubojn kaj ne informado malvidigas la klubon ekster siaj anoj. Sed ĉi tio estas la 311a eldono.

Mi opinias ke la Aŭstralia Esperantistaro pli amikiĝis kun la helpo de la AE. *Roger Springer*



# 3ZZZ





Esperantistoj kutime ŝatas vojaĝi kaj se plie vi ŝatas teknikon interesos vin la artikoloj de la elsendo de la 27a de Februaro. La elsendo estas ankaŭ oportuno aŭdi de Marcel mem la gramatikajn rimarkojn, kiujn li publikigas en la novaĵletero.
Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*